20a Jaro - No 5 (207) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Majo 1934

# BELGA ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908a

OFICIALA ORGANO DE BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

DIREKTORO
Maur. JAUMOTTE
44, Avenuo De Bruyn
Wilrijck-Antverpeno
(Tel. 777,58)

ANONCOJ :
Henri PETIAU
St. Lievenslaan, 60, Gento
Poŝtĉeko de la LIGO:
No 1336.67 (Wilrijck)

Pensu ni pri nia Revuo

## LA ESTONTO ESTU NIA!

Kiam mi reprenis, antaŭ kelkaj semajnoj, la direktadon de nia revuo « Belga Esperantisto » mi opiniis, ke la plej urĝa afero estis, ke pro la morto de S-ro Schoofs, ne ekestu prokrasto en la aperigo.

Tial, apenaŭ kelkajn tagojn post la enterigo, mi aperigis numeron kun plenaj detaloj pri tiu ceremonio. La raporto estis eble ne kompleta; mi forgesis eble iun nomon. Sed mi opiniis, ke restos ankoraŭ, en la sekvontaj numeroj, sufiĉe da loko por aldoni la forgesitaĵojn.

La granda afero estis : aperigi la revuon.

Dum la monato de Aprilo ĝi aperis jam duafoje. Kaj nun, kara leganto, la numero, kiu al vi alportas tiun mian prozon, ankaŭ konkordigas la aper- kaj la efektivan kalendro-daton.

Mi plenumis do mian unuan promeson... kiel direktoro de la revuo.

En mia emo esti bona direktoro, mi tamen iĝis malbona kasisto.

Mi nur nun trarigardis ĵus la kolonojn de mia kaslibro, kaj mi tuj konstatis, ke ne daŭros longtempe antaŭ ol la kasisto devos diri al la direktoro : Haltu !

La kolonoj de mia kaslibro efektive ne estas honorigaj kolonoj por la Belga Esperantistaro. Multaj Esperantistoj ; mi aldonos : multaj bonaj Esperantistoj, malnovaj Esperantistoj, entuziasmaj Esperantistoj ne jam repagis sian kotizon al sia grupo aŭ al la Ligo !

Vi ĉiuj konas tiajn amikojn. Iuj inter vi, kiuj tamen ankoraŭ ricevas ĝis nun la gazeton, eble estas inter ili. Aliaj konas bonajn amikojn, familianojn, kiuj ne jam faris sian devon.

Memorigu ilin pri ĝi. Jen mia urĝa peto.

La revuo kostas multe da mono, eĉ en la nuna formato. Vi ne forgesu : la kostoj de revuo terure kreskas, kiam la eldonnombro malkreskas.

Vi do helpu en tiu rilato, se vi ne volas, ke baldaŭ, tre baldaŭ, numero devu aperi sur nur 4 paĝoj, tio estas : unu nura duobla folio, kiu eĉ devus kontentigi la membrojn dum du monatoj.

Zorgu do, ke pro manko de mono, la reguleco ne estu haltigata !

***

Post tiu varma alvoko, kiu tamen unue devis eliri mian skribmaŝinon, mi deziras danki tiujn, kiuj jam multnombre sendis gratulojn al mi kaj dankvortojn pro la aperigo de la unuaj numeroj.

Mi havis tiel la okazon sperti, ke, se en krizaj periodoj, Esperantistoj same kiel aliaj homoj, povas iumomente perdi iome sian gloran kuraĝon, ili tamen ĉiam havas la fidon en la fina venko kaj same rapide estas revigligataj, kiam ili vidas ke unu el la gravaj organoj denove regule funkcias.

Kaj tiuj leteroj, kune kun la certigoj, kiujn mi ricevis de la estraroj de la grupoj, ke ili ĉiam akurate havigos al mi ĉiujn tekstojn necesajn, ankaŭ fortikigis mian nepran volon fari iom da bona laboro en nia malgranda gazetara sekcio.

Kaj mi ne dubas ke, malgraŭ la neagrablaj financaj cirkonstancoj, kiujn ni nun travivas kaj kiuj igas malfacila la akiron de anoncoj kaj de abonoj, dank'al la kunlaboro de ĉiuj, tamen la estonto de nia organo estos sekurata.

Kaj kun sana organo, kiu ĉiumonate revekigos la kuraĝojn en ĉiuj Esperanto-domoj, ni ne dubu, ke *la Estonto estos nia !*

Maur. JAUMOTTE.

***

### Ĉu vi faris jam vian devon?

### Kiu estas mia devo?

**Pagi vian kotizon al "Belga Ligo Esperantista" aŭ al ties sekcio en via urbo.**

**Pagi la kotizon de U.E.A. al la kasisto de la Ligo aŭ al la kasisto de via grupo, se vi estas grupano.**

**Preni akcion de "Belga Esperanto-Instituto" kaj pagi almenaŭ la 20 % laŭstatutajn t. e. Fr. 20,—.**

**Helpi al la starigo de la monumento Frans Schoofs, per alsendo de via partopreno al poŝtĉekkonto privata de la Liga Kasisto (Numero 1700.10 Maur. Jaumotte).**

# BELGA ESPERANTO-INSTITUTO

*Estimata Samideano,*

*Ni havas la plezuron inviti vin al nia ĝenerala Jarkunsido, kiu okazos Dimanĉon, la 6an de Majo, je la 11a horo, en la salono « Witte Leeuw », Frankrijklei, Antverpeno.*

*La tagordo antaŭvidas vian aprobon de la propono de la administrantaro, pri la divido de la neta to kaj la pago de 3 % (TRI PROCENTOJ) al la akciuloj. Plie la Administrantaro proponas al vi diversajn ŝanĝojn en la gvidantaro, okaze de la foriro de nia Administranto-Prezidanto, nia bedaŭrata amiko Frans Schoofs.*

*Ĝi prezentas al vi la kandidatecojn, kiel administrantoj : de S-roj Louis De Hondt kaj Charles Vanderveken, kiuj eksiĝas kiel komisaroj, kaj de S-ro Boffejon, akciulo ; — kiel komisaroj : de S-ino Staes, el Bruselo ; F-ino Thooris, el Bruĝo, kaj S-ro Dechesne, el Sclessin-lez-Liége.*

*Vi bonvolos fine kvitigi la administrantojn kaj komisarojn per du apartaj voĉdonoj.*

*Ni kalkulas pri via nepra ĉeesto kaj, ĝis la plezuro vin revidi, ni prezentas al vi, Estimata Samideano, nian plej sinceran saluton.*

Por la Administrantaro :

La Administranto-Delegito,
Maur. JAUMOTTE.

**(Oficiala kunvokilo kun la diversaj punktoj estos sendata al ĉiuj akciuloj.)**

*
* *

La administrantaro de « Belga Esperanto-Instituto » publikigis, en la pasinta numero de « Belga Esperanto-Instituto », artikolon, kiu certe ĝojigis multe la belgan Esperantistaron.

Oni sentis en ĝi, ke la kruela forrabo de la gvidanto de la belga movado revigligis la kuraĝojn, precipe en tiu urbo, kie oni plej akre sentos la perdon, kiu nin ĉiujn trafas.

Se iuj povis kredi, ke, pro la morto de la pioniro Frans Schoofs, la diversaj organizaĵoj estos por longa tempo lamiĝantaj, la fiera proklamo pri la daŭrigo de la klopodoj de la administrantaro, kune kun S-ino Schoofs, en kies domo la aferoj restas nuntempe centrigataj, montris al ĉiuj, ke la semoj tiom senlace disĵetitaj de la formortinto, havis tamen la tempon maturiĝi kaj fruktiĝi.

Tiu proklamo, kiu finis per alvoko al ĉiuj, ankaŭ havis sekvon. Ĝi instigis diversajn samideanojn, informiĝi pri la « Instituto ».

Evidentiĝis per tiuj demandoj, ke ne ĉiuj, en Belgujo, klare scias, kio estas tiu societo.

Ni tial publikigas ĉi sube malgrandan historion pri tiu organismo, kiu devas interesi ĉiujn belgajn Esperantistojn, pro la grandaj servoj, kiujn ĝi jam faris al la nacia movado kaj la pli grandaj, kiujn ĝi ankoraŭ en la estonto certe faros.

*
* *

« Belga Esperanto-Instituto » fakte estas infano ne de « Belga Ligo Esperantista », sed de ties Antverpena sekcio « La Verda Stelo ».

Tiu ĉi societo, kiu post la milito, sub la impulso de S-ro Schoofs, tuj plej aktive laboris, baldaŭ komencis la eldonon, por sia propagando, de la flandra traduko de la « Ruĝa Broŝuro » kaj de poŝtkartoj kun Esperanto-teksto.

La kasisto de tiu grupo do en sian kaslibron devis enskribi la detalojn pri la vendado de tiuj libretoj kaj kartoj, kaj baldaŭ aperis, ke tio tamen havis malbonajn flankojn, precipe pro la fakto, ke « La Verda Stelo », tiam, ne havis efektivan personecon kaj ne jam iĝis laŭleĝa societo sen profita celo.

Tiam ekiĝis la ideo krei, flanke de la grupo, societon, kiu sin speciale okupos pri tiu vendado kaj kiu povos, iom post iom, ampleksigi sian laborkampon.

Dum la kunsido de la 1a de Marto 1926a, la komitato de « La Verda Stelo » do decidis starigi la pritemitan societon, sub la nomo de « Belga Esperanto-Instituto ».

Statutoj estis aprobitaj, kiuj enhavis 22 artikolojn, kiuj priskribis la plej gravajn punktojn.

La Societo do iĝos « Koopera Societo ».

La akcioj valoros 100 frankojn, sed, ĉe la subskribo, nur la pago de 20 % estos deviga. La resto de la kapitalo povos esti alvokata de la administrantaro en diversaj operacioj, kun maksimuma alvoko, en unu jaro, de 10 %.

Kompreneble la komitatanoj de « La Verda Stelo » ne estis riĉuloj kaj cetere ne jam klare evidentiĝis la neceseco kunmeti grandan kapitalon.

Inter la 11 membroj, kiuj ĉeestis, ses promesis enskribon de 10 akcioj (do tujan pagon de 200 frankoj) kaj kvin de 5 akcioj (do tujan pagon de 100 frankoj).

Nun, kiam la kapitalo de la Instituto superas 160.000 frankojn el kiuj pli ol 100.000 estas pagataj, oni duonridas, audinte tiujn unuajn ciferojn.

Sed, en tiu momento, ĉiuj vizaĝoj lumiĝis pro kontenteco kaj ankaŭ pro la botelo da vino, kiun S-ino Schoofs alportis por festi la naskiĝon de la nova infano.

Tuj, en tiu sama kunveno, oni ankaŭ devis decidi pri la postenoj de administrantoj kaj komisaroj, kaj ĉar, post la gravaj decidoj, kiujn oni jam alprenis, oni ne volis diskuti longtempe, iu proponis...

« Estu administrantoj, tiuj, kiuj enskribis dek akciojn ; komisaroj, tiuj kiuj enskribis kvin.

Kaj tiel la statutoj, kiuj aperis en la Ŝtatgazeto de la 13a de Marto 1926a, citas la jenajn nomojn :

Iĝis administrantoj : S-roj Edg. De Coster, Morris De Ketelaere, Maurice Jaumotte, Frans Schoofs, Oscar Van Schoor kaj Gustave Vermandere.

Iĝis gekomisaroj : F-ino Caroline De Buyser, S-ro A. Louis De Hondt, F-ino Jeanne Morrens, S-roj Ch. Van der Veken kaj H. Vermuyten.

Por ke jam tuj la afero povu marŝi, oni ne serĉis multajn pliajn akciulojn kaj la fondiĝakto nur citas du pliajn S-rojn Van Gulck kaj Van Winge.

Tiel, estis 13 fondintoj : 6 administrantoj, 5 komisaroj kaj 2 membroj !

La minimuma kapitalo, kiun la leĝo devigas citi en la statutoj, estis tiel : Fr. 12.500, el kiu 2.500 estis pagitaj.

Se ni diris, ke « Belga Esperanto-Instituto » estas infano de « La Verda Stelo », ni tamen tuj devas aldoni, ke la nura fremda nomo citata en la statutoj ne estas tiu de la « patro »

sed tiu de la « avo », nome « Belga Ligo Esperantista », kiu, post depreno de rentumo de 5 % al la akcioj, ricevas donace 25 % de la restanta jara neta profito.

Ekster la rentumo de siaj propraj akcioj, « Belga Ligo » tiel jam ricevis donace de la « Instituto » sumon de pli ol 3.000 frankoj!

Pro tiu ĉi lasta fakto, tuj ekiĝis intereso ĉe diversaj membroj de la Ligo, ne loĝantaj en Antverpeno, nome ĉe la estraranoj kaj diversaj komitatanoj.

La Ligo mem decidis baldaŭ meti parton el siaj rezervoj en la Instituton, kiu eĉ nun, en tiu kriza periodo, do donas al ĝi, kiel oni vidis supre, rentuman monon!

Tiel ne estas mirinde ke, speciale dank'al la gravaj klopodoj de la Antverpenaj amikoj, la « Instituto » rapide kreskis, laŭ kapitala kaj laŭ akciula vidpunktoj.

Jen estas laŭjare la sumoj enskribitaj kaj la nombro de la akciuloj:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Marto | 1926 | 12.500 | 13 |
| | 1927 | 27.700 | 47 |
| | 1928 | 69.900 | 70 |
| | 1929 | 102.000 | 81 |
| | 1930 | 125.400 | 88 |
| | 1931 | 145.000 | 95 |
| | 1932 | 150.500 | 101 |
| | 1933 | 157.500 | 177 |
| | 1934 | 159.700 | 192 |
| Nunmomente | | 161.000 | 193 |

Kiel oni vidas, la konfido en la seriozeco de la afero kaj la konscio pri la utileco de tia organizaĵo, kreskis ĉiujare. Tio evidentiĝas ankoraŭ pli klare, kiam oni konstatas, ke la pagita parto de la kapitalo, kiu estis nur Fr. 2.500 ĉe la komenco, nun jam plialtiĝis ĝis pli ol Fr. 106.000, malgraŭ la fakto, ke la Administrantaro de longe ne plu alvokis alpagojn!

Tiel ankaŭ, iom post iom, « Belga Esperanto-Instituto », iĝis vere belga entrepreno.

La gvidantaro ja estis ĝis nun ĉefe Antverpena. La administrantoj tamen, jam antaŭ kelkaj jaroj, kaptis la okazon de la eksiĝo, kiel komisarino, de F-ino C. De Buyser (S-ino Nuyts), por demandi al S-ro Geerinck, bankdirektoro en Sta Nikolao, ke li iĝu komisaro.

Kaj nun, kiam la amiko Schoofs, malaperis, la administrantaro decidis prezenti al la ĝenerala kunsido de la akciuloj la kandidatecojn de 3 komisaroj el la plej gravaj Esperanto-centroj de Belgujo, tiel ke vere, ĉie, « Belga Esperanto-Instituto » havu gvidantan kaj propagandan kernon.

Aldonu ni tie ĉi, ke antaŭ 5 jaroj « La Verda Stelo » decidis aligi ĉiujn siajn membrojn al B.E.I. laŭ jena maniero. El la kotizo de 30 frankoj, ĝi rezervigis 5 frankojn ĉiujare, kiujn ĝi havigis al la « Instituto ». Post la 4a jaro, la administrantaro havigis al ĉiuj, kiuj pagis kvar kotizojn, belan akcion de la « Instituto », kun la regula pago de 20 % registrita. Ĉiujare «La Verda Stelo» daŭrigos pagi 5 frankojn. Sed ni povas diri, ke, intertempe, jam multaj plenpagis la donacitan akcion, tiel ke la 5 novaj frankoj estos uzataj por pago de dua akcio.

La tempoj estas tro malfacilaj, por ke oni demandu al la aliaj grupoj agi same. La maniero estas tamen laŭdinda.

Kaj tre certe oni rajtas demandi al ĉiuj Esperantistoj belgaj, kiuj ne jam aliĝis, sendi 20 frankojn al « Belga Esperanto-Instituto » por la akiro de akcio. Poste la alsendo de jara pago de 10 frankoj sufiĉos.

# Internacia Konferenco

## Vieno 20-24 Majo 1934

Sub tiu titolo estas organizata internacia Konferenco en Vieno.

Ĝi okazos sub la protekto de l'Konfederacia Prezidanto de Aŭstrio, S-ro Vilhelmo Miklas kaj sub la Honora Prezido de l'Kanceliero de Aŭstrio, S-ro D-ro Engelberto Dolfuss. La Ministerio por Komerco kaj Trafiko (Ŝtat-sekretariejo por Fremdultrafiko), disponigis la necesan monon por la preparaj laboroj.

Estas invitataj partopreni en ĉi-tiu konferenco el la kampo de komerco kaj industrio : komercaj ĉambroj, foiroj, ekonomiaj unuiĝoj de ĉiu speco, komerc-lernejoj kaj fak-asocioj; el la kampo de trafiko: fervoj-kompanioj, trafik-unuiĝoj, entreprenoj de ŝip- kaj aerveturado, radio-kompanioj, hotel-organizoj ; el la instrua sfero : instru-aŭtoritatoj, universitatoj, altlernejoj, instruistaj organizoj, film-



**Vidaĵo en la Esp.-muzeo de Vieno: Apud la bildo de la Majstro la unua flago Esperanta de la Kongreso en Boulogne-sur-Mer.**

kompanioj kaj klerig-asocioj La partopreno de instru-ministerioj, plue de ministerioj de trafiko, fervojo kaj de poŝto estas antaŭvidita kaj la partopreno de kelkaj registaroj jam certigita.

La Konferenco ne nur montru denove la ĉiutage pligrandiĝantan, sukcesan uzadon de Esperanto kiel helplingvo, sed per vasta akcelado ankaŭ certigu la enkondukon en la lernejon kaj la praktikon.

Tiucele la konferenco, per subteno de unuarangaj fakuloj kaj specialistoj el ĉiuj sferoj, krome per paroladoj kaj raportoj, kunigos ampleksan materialon por apogo de siaj postuloj kaj diskonigo en la publiko. Ĝi prezentos Esperanton kiel laŭcelan helpilon en la suprenotitaj kampoj kaj faros proponojn pri enkonduko en la lernejon kaj praktikon de ĉiuj landoj. Fine ĝi turnos sin per konformaj rezolucioj al la registaroj kaj la vasta publiko.

Vieno, la ĉefurbo de Aŭstrio, loko kun monda

reputacio kaj preferata por internaciaj aranĝoj, invitas gasteme. Situata ĉe la granda trafikvojo, la Danubo, ĝi estas la transirejo, interliganta la popolojn de norda kaj suda, de orienta kaj okcidenta Eŭropo kaj per tio donas mem karakterizan tendencon al la Konferenco.

Dum ĉi tiuj tagoj kelkaj miloj da institucioj el la supre indikitaj sferoj estas invititaj al partopreno.

La inviton subskribis la membroj de la Prepara Komitato, kiuj estas :

D-ro Uebelhör, a. sekcia ĉefo de la oficejo de la konfederacia kanceliero, Hugo Steiner, Registara konsilisto, R.M. Frey, kalkulkonsilisto, Rob. Kreuz, Direktoro de U.E.A.

Ĝi ankaŭ portas la nomojn de la anoj de la Honora Komitato : inter kiuj estas la plej altrangaj eminentuloj de Aŭstrio.

En kunagado kun la prezidanto de la Aŭstria Esperanto-Asocio kaj de la Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno, la ICK dum pluraj monatoj jam entreprenis preparajn paŝojn por tiu ĉi nova internacia konferenco. La Universala Esperanto-Asocio, per la Interkonsento de Kolonjo, fariĝinta la unueca organizo de la Esperanto-Movado, daŭrigas la tradician voj-iron por la propagando en la praktiko. La nova sekcio de UEA por Eksteraj Aferoj partoprenas en la teknika preparado de la konferenco.

UEA per tio alvokas ĉiujn membrojn de la oficiala organizo, estraranojn kaj delegitojn de UEA, la estrarojn de la naciaj (landaj) asocioj, la fakorganizaĵojn kaj la Esperanto-gazetaron, plej energie kunagadi por plena sukceso de tiu ĉi konferenco, oficiale helpata de la registaro de Aŭstrio. Ĝi atendas aparte varman subtenon el ekster-eŭropaj landoj.

La celo de la konferenco estas klare difinita. Ni cetere bazas sur antaŭaj spertoj. La konferenco devas superi ĉiujn antaŭajn. UEA do petas, ke ĉiuj esperantistoj informu la sekretariejon de la Konferenco pri invitindaj aŭtoritatoj, korporacioj, institucioj, aŭ eminentuloj, kiuj interesiĝas aŭ povas interesiĝi pri nia programo, same pri personoj ne-esperantistaj, sed fakuloj, kiuj aprobe sintenas al nia lingvo kaj per sia sperto povas kontribui al la priparolo de la temoj.

La dato de la Konferenco koincidas kun la organizo de kelkaj naciaj kongresoj esperantistaj, je Pentekosto. Ĝi ne estas fiksebla alimaniere, ĉar ni dependas de specialaj cirkonstancoj, kiujn ni devas konsideri kiel faktojn. UEA ne nur petas, sed atendas, ke spite al tio, la naciaj asocioj esperantistaj faros ĉion eblan por altigi la nombron de la konferencanoj. Eventuala ŝanĝo de la dato de l'nacia kongreso estas rekomendinda. La konferenco ankaŭ neniel estas destinita konkuri kun la universala kongreso en Stokholmo. Kontraŭe ĝi helpu al ĉiuj niaj nunjaraj aranĝoj. Ĝi estu pelmotoro por pliaj iniciatoj. Ĝuste pro tio la gvidinstancoj de nia movado akceptis la okazon, proponitan al ili el Aŭstrio.

La oficiala interesiĝo kaj precipe la financa favorigo de la ŝtataj aŭtoritatoj devigas nin nepre al vasta propagando por sukceso de l'konferenco. La publika propagando devas esti aparte vigla. Ne temas pri simpla esperanto-kunveno, sed pri manifestacio por la publiko.

La Prepara Komitato en Vieno jam ekkomencis modelan diskonigon. Per radioparolado ĝi antaŭsciigis jam la okazigon de la konferenco. Unuan fojon cetere, la radio-disaŭdigo estos metata en la daŭran servon de nia movado por tia special-aranĝo. El la stacio de Radio-Vieno de nun ĉiumerkrede estos farata radioparolado pri Aŭstrio en Esperanto kaj samtempe diskonigataj ĉiuj informoj pri la konferenco, kiuj povas interesi tiel la esperantistaron, kiel la publikon. Ne preterlasu kiujn ajn eblecojn por helpi al nia propagando.

La efiko de la konferenco estos influata de la impreso, kiun havos la ĉeestontaj ne-esperantistaj korporacioj, aŭtoritatoj kaj eminentuloj. La sukceso dependos ekskluzive de la vigleco kaj aktiveco en niaj propraj vicoj. Neniu helpanto devas manki. Neniu malhelpo aŭ malfacilaĵo devas timigi nin. La unueco esperantista estas atingita en la organizo. Ni pruvu, ke unueco ankaŭ gvidas nin spirite, ke ni havas unu deziron, unu volon: Sukcesigi Esperanton.

Robert KREUZ,
Direktoro de UEA.

# In memoriam Frans Schoofs

La alvoko por donacoj uzotaj por la starigo de monumento sur la tombo de nia formortinta Prezidanto ne estis vana.

De la apero de la lasta numero, proksimume Fr. 2000,— ankoraŭ envenis sur la poŝtĉekkonton N-ro 1700.10 de S-ro Jaumotte, kaj jam diversaj aliaj samideanoj anoncis, letere, pliajn alsendojn.

La listo estos fermata la 15an de Majo. Ni esperas, ke la samideanoj, kiuj ne jam ensendis sian partoprenon, bonvolos ne atendi ĝis la tutlasta tago, ĉar aranĝoj jam estas prenotaj de nun.

* * *

Eĉ nun multaj naciaj gazetoj ne estas aperintaj de la morto de S-ro Schoofs, aŭ, se ili aperis, el la teksto evidentiĝas, ke la kompostado okazis antaŭ tiu ĉi morto. Ni do ankoraŭ postlasos, ĝis la proksima numero, la citon de la funebraj artikoloj aperintaj en gazetoj.

Pri la partopreno de la nacianoj, ni deziras aldoni al la listo de la Bruselanoj, kiuj ĉeestis la enterigon, la nomon de S-ro Swinne, dum S-ro Lavisse, kiu ne povis partopreni, venis tamen Antverpenen, antaŭ la ceremonio mem, por saluti la karan formortinton.

* * *

Tiuj kiuj deziras fotografaĵojn (grandeco 13x17,5) po Fr. 5,— por unu ekzemplero povas mendi ĉe S-ro Jaumotte (poŝtĉekkonto 1700.10). Estas 8 diversaj : 1. La florumita ĉerko (en malgranda formato montrita en B. E.); 2. la elporto de la ĉerko; 3. la funebra ĉaro antaŭ la domo; 4. la funebra ĉaro dum la procesi-irado; 5. la ĉaro kun la flago de la policistoj esperantistaj; 6. la familianoj; 8. lasta bilda de la ĉaro kun la floroj.

# BELGA KRONIKO

### Grupa Kalendaro

*LEXICON KART-LUDO. — Ni atentigas la grupestrarojn pri la ekzisto de speciala kartludo, kun Esperanto-literoj, kun kiuj oni, dum la ludo, devas formi Esperanto-vortojn. La ludo estas tre amuza kaj lerniga por la membroj.*

*La 52-kartoj en eleganta skatoleto en libro-formato, estas eldonata de «Brita Esperantista Asocio» kaj estas akirebla ĉe « Belga Esperanto-Instituto », je la prezo de Fr. 15,—.*

*Bonfaremaj membroj donacu unu ludon al sia grupo !*

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h. 30.

*Ĉiu sabata kunveno komenciĝas je la 20 h. 30 per kvaronhoro da lingvaj ekzercoj; alia duonhoro estas dediĉata al parolata ĵurnalo, kiun prezentas ĉiufoje alia membro.*

2 Majo : kunveno de la ĝenerala estraro (administrantoj kaj komisaroj), je la 20a 1/2 horo en « Witte Leeuw ».

5 Majo : Parolado de S-ro Hector Vermuyten : Esperanto en la servo de la naciaj literaturoj (propraj spertoj).

6 Majo : pro memoro : Ĝenerala Jarkunsido de B. E. I.

10 Majo : (Ĉi-elira tago) : Ekskurso al Heide. Foriro el C. St. : 8 h. 53; el Or.-St. : 8 h. 59.

12 Majo

**GRANDA A.B.C.-KART-TURNIRO.**
**PREMIOJ: PLI OL 400 FR.**
**Amuza — Ekscita — Interesa**
**Partoprenrajto: Fr. 2 por ludo.**

**(Ne necese estas koni ordinaran kartludon. La ludoj okazos per la fama A.B.C.-Lexicon-kartludo, kiun ĉiu kapablas ludi).**

**Inter la premioj ni citu:**

| | | |
|---|---|---|
| **Enciklopedio de Esperanto** (rajtigilo) | Fr. | 175,00 |
| **Hungara Antologio** (komp. K. Kalocsay) | Fr. | 92,50 |
| **Pri l'Moderna Arto** (Buzekowski k. Grenkamp) | Fr. | 54,00 |
| **Belga Antologio** (k. Jaumotte k. Vermuyten) | Fr. | 40,00 |
| **Libro de J. Baghy** | Fr. | 31,00 |
| **"La Sorĉistino el Kastilio "** de Salom Asch | Fr. | 27,00 |
| **VENU ĈIUJ!** Entute : | Fr. | 419,50 |

19 Majo : Amuza Vespero. Eventuala daŭrigo de la Turniro. Gratuloj al la Premiitoj. Disdono de la Premioj.

26 Majo : « Tra la Internacia Gazetaro ». Pritrakto kaj prelego de speciala Trio.

AALST-ALOST. — **Sekcio de B.L.E.** — Kunvenejo « Burgershuis », Granda Placo. Ĉiuĵaŭde, je 20 h. 30.

BRUĜO. — **" Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — Kunvenejo: « Oud Brugge », ĉiumarde 20 h.

1 Majo : Kanta vespero sub gvidado de F-ino A. Boereboom kaj S-ino Ch. Poupeye.

8 Majo : Debato : « Vintro aŭ Somero » (Prez. S-ro G. E. Guillaume).

15 Majo : Humora vespero (Prez. S-ro Ch. Poupeye).

22 Majo : Surpriza Vespero. (Prez. : « ? ».)

29 Majo : Societaj Ludoj. (Prez. : F-ino Y. Hubrecht.)

N. B. En okazo de bela vetero, iu aŭ alia el tiuj kunvenoj povos esti anstataŭata per komuna vespera promenado.

BRUSELO. — **"Esperantista Brusela Grupo".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

Ĵaŭdon, la 26an de Aprilo, je la 20.30 h. en la « Postlerneja Federacio » 1, Parvis de St Gilles, F-ino Jennen faros publikan konferencon pri « Vojaĝo en Skotlando », kun lumbildoj. Poste : kantoj kaj dancoj de la Sekcio « la Elfoj » (les Elfes).

Merkredon, la 2an de Majo, je la 20a horo en la urba lernejo, 49, rue Ernest Allard, parolado de nia svisa samideano S-ro Liniger pri Svislando. Lumbildoj, filmoj, diskoj. Tiu ĉi parolado okazos en Esperanto kun franca traduko. La samideanoj kaj ilia familio estas kore invitataj.

Lundon, 7 Majo : S-ro Hart prezidos.

Lundon, 14 Majo : S-ro Lavisse, prezidos.

Lundon, 21 Majo : Ne kunsido (Pentekosta lundo).

Lundon, 28 Majo : F-ino De Boeck prezidos.

Lundon, 4 Junio : S-ro De Boeck, prezidos.

Lundon, 11 Junio : S-ro Castel prezidos.

LIEĜO. — **« Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto ».** — Kalendaro laŭ la grupoj :

*Grupo de Chênée* (ĉe F-ino L. Baiwir, Rue des Grands Prés, 72) : ĉiuvendrede je la 7-a h. vespere.

*Grupo de Lieĝo* (en lernejo St. Jean, Pl. Xavier Neujean)

*Grupo de Sclessin* (ĉe S-ro L. Dechesne, Rue Ernest Solvay, 1).

---

### Grupaj Raportoj

**BRUĜO.** — **" Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — Pro diversaj malhelpaĵoj ne povis aperi tie ĉi regula raporto pri la agado de tiu vigla grupo dum la fino de 1933. El la diversaj okazintaĵoj de tiu periodo estas ankoraŭ nun notindaj :

La kutima partopreno en la funebra sekvantaro, kiu, la 1an de Novembro, iris ĝis la milita tombejo, kun vizito al la tombo de la antaŭ ne longe mortinta vicprezidanto S-ro Léon De Vriendt kaj al tiuj de ĉiuj formontintaj membroj aŭ familianoj de membroj.

Pli poste; la 19an de Decembro, ĉarma parolado de F-ino Maria Sanders, kiu sukcesplene esprimis siajn ideojn pri « La Poezio de l'Vojaĝo ».

Kaj fine ,la 29an de Decembro, la lasta leciono de la kurso por komencantoj, ĉeestata de multaj fidelaj kursanoj.

F-ino Thooris, prezidantino, varme dankis la kursgvidanton S-ron Charles Poupeye kaj gratulis la persistemajn gelernantojn. En la nomo de tiuj lastaj, Fino Corrie Leibbrant, nederlanda anino, esprimis koregajn danksentojn al S-ro Poupeye kaj proponis al li artan donacon. Ankaŭ la amata prezidantino ne estis forgesita kaj ricevis el la manoj de alia kursanino, S-ino Groothaert-Van Sevenant, beletan florkorbeton. Tiel finiĝis la jaro en plej kora atmosfero.

Tuj post novjaro estis organizata kurso por progresantoj, sub la sperta gvidado de F-ino Y. Thooris kaj sekvata de multaj fervoraj gelernintoj de diversaj antaŭaj kursoj.

La 20-an de Februaro, F-ino Y. Thooris, prezidantino, esprimis la doloron de ĉiuj belgaj esperantistoj pro la morto de nia reĝo Alberto I, kiu plurfoje pruvis sian varman sim-

pation al nia movado. Post tio la kunveno estis fermata pro funebro.

Okaze de la surtroniĝo de Lia Reĝa Moŝto Leopoldo IIIa, kaj sekve de oficiala invito, delegacio de la grupo ĉeestis la solenan dankopreĝon « Te Deum », en la ĉefpreĝejo.

Aliaj notindaj grupaj okazintaĵoj estis:

La 27an de Februaro: interesa konkurso-vespero sub gvidado de F-ino M. J. Van den Berghe. Tiaj konkursaj vesperoj ĝuas grandan sukceson ĉe la gemembroj, kiuj solvintaj plurajn problemetojn pri vortfarado, gramatiko, k. t. p. ricevas, laŭ la nombro de akiritaj poentoj, diversajn premiojn, librojn aŭ aliajn esperantaĵojn.

La 4an de Marto, posttagmeze, kelkaj grupanoj ekskursis aŭtomobile al Nieuwpoort, kie ili ĉeestis la feston de la tiuloka grupo.

La 6an de Marto: ĝenerala kunveno de la grupo kun morala raporto de F-ino, Y. Thooris, prezidantino, kiu speciale insistis pri la unueco en la agado; poste raporto pri la grupa vivo farita de S-ro Ch. Poupeye sekretario kaj kiu rememorigis pri la ĉiuflankaj klopodoj de la societo dum la pasinta jaro kaj fine financa raporto de S-ro G. E. Guillaume, kasisto, kiu per bone ekvilibrita bilanco trankviligis ĉies korojn!

La 13an de Marto, la Bruĝa Grupo ne jam eksciis pri la terura funebro, kiu ĵus trafis la belgan esperantistaron pro la morto de S-ro Frans Schoofs. Tiun tagon okazis la laŭprograma kanta vespero sub gvidado de S-ino Poupeye kaj de F-ino M. J. Vanden Berghe.

La konsterno de la bruĝaj esperantistoj estis des pli granda kiam, la sekvantan matenon, ili sciiĝis pri la terura novaĵo. Aranĝoj estis tuj farataj por partopreno en tiu dolorplena funebro. Floroj en formo de esperanta stelo estis sendataj kaj la grupo estis riprezentata de sia prezidantino F-ino Y. Thooris ĉe la posttaga enterigo.

La sekvanta kunveno, la 20an de Marto, estis dediĉata al solena rememorigo de la ĵusmortinta liga Prezidanto. F-ino Thooris emocie parolis pri tiu modela batalanto por nia idealo, kiun ege tro frua morto tiel kruele forrabas el nia movado. Ŝi ankaŭ raportis pri la enterigo, kaj la ĉeestantoj ŝtariĝis je la memoro de tiu priplorita gvidanto.

N. B. — La Bruĝa Grupo estis ĵus organizanta teatran feston por la dato de la 25a de Marto. Pro la nuntempa grava funebro en la belgaj samideanaj rondoj, la estraro de la Bruĝa Grupo decidis prokrasti tiun feston sendate, kaj tion sciigis per aparta funebra letero, kiun ĝi dissendis al la membraro.

**BRUSELO. — Esperantista Brusela Grupo.** — La 5an de Marto, S-ro De Boeck prezidis kaj organizis vortludon ĉe la nigra tabulo.

La 12an, S-ro Jacobsohn prezidis, sed kelkaj minutoj post kiam li malfermis la kunsidon, D-ro Kempeneers telefonis por anonci la morton de S-ro Schoofs. Oni decidis ĉesigi la kunsidon en signo de funebro.

La 19an, S-ro Lavisse prezidis kaj prezentis konkurson. Temis pri la konstruo de kiel eble plej multnombraj titoloj per la literoj « LA PIRATO ». Krome, S-ino Staes detale kaj emociplene raportis pri la enterigaj ceremonioj de S-ro Frans Schoofs, tiel inde organizitaj de la Antverpenaj amikoj.

La 26an, S-ro Castel prezidis. Pri la konkurso de la antaŭa semajno, juĝantaro kontrolis la solvojn prezentataj de la membroj, kaj oni konstatis, ke S-ino Plyson trovis la plej grandan nombron da titoloj kaj, sekve gajnis la unuan premion. S-ino Staes gajnis la duan.

La 9an de Aprilo, S-ro Jacobsohn prezidis. Li intencis uzi, en sia programo, kelkajn poeziaĵojn de Schwartz, klarigis la signifon de la titolo « La Verdkata Testamento » je la intenco de la novaj membroj. Poste, li organizis konkurseton pere de tiu libro kaj donacis ĉokoladajn premiojn.

La 16an de Aprilo, F-ino Obozinski prezidis kaj organizis amuzan vesperon ;oni ludis « Proverbo , kiu estas samtempe instrua por la komencantoj.

---

## Gratuloj:

1) Al S-ro Sylvain Dervaux, honora vicprezidanto de la Bruĝa Grupo, al kiu liaj kolegoj, Regnaj Impoŝtricevistoj, dediĉis manifestacion de simpatio, okaze de lia emeritatiĝo, en Roeselare, 17-12-33. (Tiuokaze Bruĝa Grupo Esperantista sendis al Sinjoro Dervaux gratultelegramon en Esperanto. Ĝia laŭtlegado kaŭzis grandan ekinteresiĝon en tia klera medio, kie nia movado, dank' al la klopodoj de S-ro Dervaux, kalkulas kelkajn samideanojn aŭ simpatiantojn.)

2) Al Ges-oj Edouard Verbeke, estroj de la sidejo de la Bruĝa Grupo, Hotelo « Cornet d'Or » kaj al Ges-roj Herreweghe-Verbeke, pro naskiĝo de nepineto kaj filineto Maria Herreweghe, 31-12-33.

3) Al F-ino Marie-Madeleine Anthone, membrino de la Bruĝa Grupo, kiu edziniĝis kun Sinjoro Prosper Driesens, rezerva kapitano-komandanto, el Bruĝo, 3-2-34.

4) Al S-ro Yves Boedt. una membro de la Bruĝa Grupo, okaze de lia Solena Komuniiĝo, 18-3-34.

Specialan gratulon ankaŭ al lia baptopatrino F-ino Yvonne Thooris kaj al lia gepatroj kaj gefratoj.

## Nekrologo:

G-roj Castel perdis sian nevinon kaj baptofilineton Lulu bone konatan de multaj Esperantistoj. Ni sincere partoprenas en ilia doloro.

F-ino Julienne De Ketelaere, unu el la plej malnovaj membrinoj de la Bruĝa Grupo, mortis en Bruĝo la 15-1-34.

Al ŝia familio ni prezentas plej sinceran kunsenton.




**Torenta alfluo de kongresanoj.** — Dum la plej lastaj tagoj de Marto amase alvenis kongresaliĝoj. Al la kongreso jam aliĝis 1.100, kaj tiu nombro devas esti konsiderata kiel grandioza.

Ĉiuj antaŭsignoj montras do, ke la Stokholma kongreso estos plej pompa manifestacio de Esperanto: ĉarma kongresurbo, bonaj kongrespreparoj, multaj kongresanoj. Komprenеble ĉiu esperantisto streĉos siajn fortojn por partopreni tiun travivaĵon, kiu estos belega memoraĵo por la tuta vivo! Tuj ensendu vian aliĝon al: XXVI-a Universala Kongreso de Esperanto, Fredsgatan 4, Stockholm.

En la fino de aprilo la kongresa komitato intencas sendi al la jam aliĝintaj kongresanoj mendilojn por loĝejoj kaj postkongresaj vojaĝoj. LKK atentigas la esperantistojn pri tio, ke ĝi penas ĉion aranĝi tre malmultekoste, por ke ĉiuj havu eblecon veni al la kongreso.

# DIVERSAĴOJ

## Bibliografio

*LA MONO DE SINJORO ARNE de Selma Lagerlöf. Membro de la Sveda Akademio. Rakonto el la sveda lingvo tradukita de Stellan Engholm. Eldonis 1933: Eldonis Soc. Esperanto, Stockholm. 110 paĝoj, 20×14 cm. Prezo: broŝ. sved. kr. 1,50.*

Selma Lagerlöf, la plej fama verkistino sveda, distingiĝas per sia stilo neordinara. En ŝiaj libroj abundas legendoj el malnovaj tempoj, sed la legendoj rerakontitaj de ŝi estas ne nur legendoj plenaj de fantazio, sed ŝi donis al ili novan vivon kaj sencon. Ŝi estas granda psikologistino, kiu scias tre profunde analizi la homajn karakterojn laŭ maniero neordinara, ŝia stilo estas ĉarma, riĉa kaj bela. Ŝia verkaro estas tre granda, sed ĝis nun aperis en esperanta traduko nur unu verko. (La junulino el Stormyr).

Nun aperis la dua verko, rakonto el la deksesa jarcento. Pri la enhavo de la libro ni ne rakontu tie ĉi, ni volas nur diri, ke ĝi estas pli tipa por la verkado de Lagerlöf ol estis La junulino el Stormyr.

La tradukon faris la bone konata sveda verkisto Stellan Engholm.

Laŭ la eksteraĵo la libro estas bela. La kovrilo estas desegnita speciale por la esperanta eldono de sveda artisto.

*LA VOJAĜOJ DE GULIVERO. Unua parto: Vojaĝo al Liliputlando. Esperantigis: Jos. A. de Roos, Staringstraat 27, Eindhoven. Eldonis: 1933. Eldonejo Piet Smits, Korvelsche weg, 85, Tilburg. Nederlando. 112 paĝoj 14×18,5 cm. Prezo: Fr. 18,00 (ilustrita per kelkaj desegnaĵoj) broŝ.*

La tradukinto estas sufiĉe konata Esperantisto. Li tradukis kaj prilaboris la verkon en Esperanto tiamaniere, ke ĉiuj povas ĝin legi kun plezuro, junuloj kaj plenkreskuloj, spertaj Esperantistoj kaj komencantoj.

*25-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO. — (Köln 29 Julio — 5 Aŭgusto 1933). Oficiala Raportaro. Aldono al la Kongreslibro. Eldonis 1933 Loka Kongresa Komitato de la 25a Universala Kongreso de Esperanto, Köln. 14×21 cm. Prezo nemontrita.*

*OFICIALA BULTENO DE LA ESPERANTISTA AKADEMIO. Kajero VI, Oktobro 1933. Esperantista Centra Librejo, Parizo. 28 Paĝoj. 15×23,5 cm.*

*KONGRESA JUBILEA LIBRO. 25 Universala Kongreso de Esperanto. Köln 1933. Dediĉata de la Loka Longresa Komitato al la partoprenantoj de la Jubilea Kongreso. Enhavas bildon de D-ro Zamenhof; antaŭparolon de D-ro Behrendt, Berlin kaj koncizan raporton pri la estintaj kongresoj kun vidaĵo el ĉiu kongresurbo. 80 paĝoj, 14×21,5 cm. Broŝ. kun aluminiumfolia kovrilo. Presis: Heroldo de Esperanto, Köln. Prezo nemontrita.*

*LA INFANARO. Internacia Organo por Infaneduko. The International Children's. Monata revuo de la « Imperia Asocio por Infana Eduko », Tokio. Enhavas partojn Esperantan, anglan kaj japanan. La Esperanto-parto prizorgas: Japan Esperanto-Instituto. Ilustrita. Aperis unue: Januaro 1933. Por abono skribu al: S-ro Deniĉi Iŝîi, International School Children's Association, 34, Niŝi-Gokenĉo, Uŝigome, TOKIO. Prezo 3 enoj jaro. N-ro 1 Januaro 1933.*

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Kleine Hondstraat 11, ANTVERPENO.